FONDITA en 1908 - TRIA SERI

33a Jaro - N° 234 - Okt - Nov. 1965

# REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

# FRANCA ESPERANTISTO

34, Rue de Chabrol. Paris X$^{e}$ — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Tél. : PRO. 55-03.

## NI DUOBLIGU NIAN MEMBRARON

Dum sia lasta kunsido, la konsilantaro de U.F.E studis kaj aprobis proponon faritan de la Komisiono pri Praktikaj kaj Kulturaj Aferoj.

La delo de tiu propono estas, ke ĉiu membro pagu ankaŭ kotizon je la nomo de la edz(in)o kaj infano(j). Samcela propono estas ankaŭ farita de la Prezidanto de U.E.A. sur la internacia kampo.

Ŝajnas tute normala konsideri almenaŭ kiel simpatiantojn, la familianojn de iu membro. Kaj tiuj ne kontraŭdiros, kiam la familiestro pagos kotizon por la tuta familio. Des pli ke la ĵus aperinta aliĝilo al U.F.E. mencias, ke tiu kroma kotizo povas esti nur 5 Fr por la edz(in)o kaj 2 Fr por la infano(j).

Ni tuj diros, ke tiu kotizo kostos (preskaŭ) nenion al la membroj kiuj partoprenas la Universalan Kongreson. Fakte, edzo aŭ edzino de individua membro de UEA (kiu ricevas almenaŭ la jarlibron) rajtas rabaton de 2,50 gld (3,50 Fr). La diferenco estos minimuma!

Ni pripensu ankaŭ ke per kotizo de 5 Fr la nova membro iĝas "simpla membro" de UEA (kaj ricevas la karton kaj la kuponaron). Do, per simpla pago de 5 frankoj ni pligrandigos nian membraron kaj samtempe tiun de UEA. La rezulto estos duobla. Tiu afero devas esti pripensata serioze de ĉiuj membroj, grupoj kaj federacioj.

Estas nepre necese ke, okaze de la JARO DE INTERNACIA KUNLABORADO kaj de la PETICIO la Mondo eksciu ke la Esperanto - Movado estas forta kaj prospera.

# FRANCA ESPERANTISTO
## REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

**SECRETARIAT : Mlle Y. PAULIER** - Le secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h à 12h et de 14 h à 18 h.( sauf dimanches et mardis ). Pour toute réponse, joindre un timbre ou une enveloppe timbrée à votre adresse. Pour tout envoi d'argent précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.

**REDACTION : M. Jean THIERRY** - UEF 34 rue de Chabrol - PARIS ( 10 ème ) . Téléphone : PRO. 55-03

Tous les articles et communiqués ne peuvent être insérés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge pour faciliter la lecture et la correction ( double interligne ). **Tous les articles ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

**COTISATIONS :** Le détail en a paru dans le précédent numéro.


==========================================================

## KNITTELFELD kaj KAMEOKA

Knittelfeld kaj Kameoka,
Urb' aŭstria, urb' japana,
Laŭ instig' samideana
Per klopodo reciproka
Iĝis urboj nun ĝemelaj,
Frataj urboj paco-celaj!

Knittelfeld kaj Kameoka,
Urb' eŭropa, urb' azia,
Jen en ligo harmonia;
Lig' transmara, lig' transloka,
Laŭ kultura sfer' malsama,
Sed de sama sent' hom-ama!

Knittelfeld kaj Kameoka:
Dum la festsolenaj tagoj
Flirtis kun la landaj flagoj
Flag' verdstela, pac-alvoka;
Ligsimbol' internacia
En modela urb' stiria!

Knittelfeld kaj Kameoka,
Nun fratece en kontakto
Laŭ la ĝemeliga akto,
Dokumento nov-epoka:
Tri-lingvaj'sen prem' nek vanto,
Ĉar enmeze E s p e r a n t o!

Walter MUDRAK (Vieno)

Memore je la ĝemeliĝo de Knittelfeld kun Kameoka, la 17an de aprilo 1964.

- o - o -

## E N H A V O



=====================================

**AIX-en-PROVENCE** - La 27/28-an de novembro, la studenta esperantista rondo organizos seminarion por inicii ne - esperantistajn studentojn al la internacia lingvo. Okazos diversaj prelegoj, Cseh-kurso

Tiuj kiuj deziras pliajn detalojn sin turnu al F-ino C. NOURMONT, Aix-en-Provence, 3 avenue d'Indochine.

## COURS CO-ORDONNES D'ESPERANTO

Cette organisation a été fondée, il y a presque une quinzaine d'années par le Docteur Tina PETER-RUETSCHI de Zürich, avec le concours de l' Université Populaire de cette ville.

Pour les "kursgvidantoj" intéressés par cette initiative, voici ce qu'il;convient de faire:

1) dès que votre cours de débutants est commencé, vous adressez une carte postale indiquant l' heure et le lieu du cours, avec le nom et l'adresse du professeur,à U.F.E. 34, rue de Chabrol-PARIS (réf: K.E.K.).

2) Fin novembre, vous recevrez une liste des autres cours coordonnés ayant lieu dans différents pays d' Europe.

Vous établissez alors la liste de vos élèves et vous en envoyez un exemplaire à chacun des cours, plus un au centre à Paris.

Cette liste comprendra les noms, prénoms, âges, professions, thèmes d'intérêt ou d'activité de vos élèves. Mentionnez clairement votre adresse, pour que toutes les premières demandes de correspondance vous parviennent directement.

Les Professeurs qui font déjà partie de cette "ronde" de cours coordonnés en ont constaté les bienfaits, car elle met en relation pendant les cours, des élèves de même degré d'avancement dans l' étude de la Langue.

Des cartes postales suffiront, pour la première correspondance.

J.A. ROUSSEAU

Délégué de K.E.K.
pour la France

## CONFERENCES DU PROFESSEUR FARKAS

Cette année, ce professeur hongrois de français a visité plusieurs groupes; il vient de nous envoyer un long rapport duquel nous extrayons ce qui suit:

A MONTPELLIER, où il a reçu un très chaleureux accueil de M.LENTAIGNE et de différents membres du groupe, il a fait deux conférences au club local et au club scolaire UNESCO (avec l'aide de Mme CAPUS).

Mlle VIERNE, à NIMES, lui a fait visiter sa ville et assister à une "corrida"!

Sur la côte d' Azur, Prof. FARKAS a été l' hôte du groupe espérantiste de SOLLIES-VILLE qu' anime M.MATHIS. Ici, le prof.FARKAS a fait une leçon démonstration d'une méthode moderne de conversation dont un compte-rendu a paru dans "Le Provençal".

En recevant le professeur FARKAS, le sénateur-maire de SOLLIES-TOUCAS a déclaré que la Municipalité accorderait une aide financière au groupe local.

A AIX-en-PROVENCE, le professeur JULLIEN avait si bien "préparé" la conférence de notre ami que la salle de réunion s' avéra bientôt trop petite pour le public qui désirait y assister.

Une rencontre au sommet du MONT - VENTOUX (1912 m.) réunit une quarantaine d'espérantistes de la région, à qui le prof. FARKAS parla du prochain Congrès Universel qui doit se tenir à BUDAPEST en août 1966.

A LYON, le journal "Le Progrès" annonça la conférence du prof.FARKAS qui, très impressionné par la beauté des parcs et surtout du nouveau jardin municipal, écrit que tout naturellement lui sont venus à l' esprit les derniers mots du "CANDIDE" de Voltaire: "Cultivons notre jardin"!

Le prof. FARKAS conserve également un excellent souvenir de CLERMONT-FERRAND (accueil de Mademoiselle HUETER) ainsi que de DIJON, où

FILATELA ANGULO
===============

Dum la somero, ni ekscíis pri novaj poŝtstampoj rilatantaj al Esperanto:

5.6.I965 - DUSSELDORF - 43-a Germana Esperanto Kongreso

I0.7.I965- LINZ - okaze de la inaŭguro de Esperanto - monumento.

11.7.1965- VIENO - okaze de la Eŭropa Konferenco pri Esperanto.

3I juillet 6 août 65 TOKIO - 50-a Universala Kongreso de Esperanto.

J.A.ROUSSEAU
peranto en Francujo
de ESPERANTISTA LIGO
FILATELISTA (E.L.F.)
(internacia asocio)

oooooooooooooooooooooooooooooooooooo

en compagnie de notre ami CUGNY, il a pu visiter quelques lycées. "Les Dépêches"ont relaté cette visite par un article intitulé: "Quand un espérantiste rencontre un autre espérantiste...".

Entretemps, cependant, le prof. FARKAS avait assisté au 57-ème Congrès National d' Espéranto au Havre. Grâce au fait que les débats avaient lieu en Espéranto, il a pu en suivre complètement le déroulement, ce qui n'est pas toujours (ajoute-t-il) le cas pour des congrès nationaux!

A FECAMP, où les congressistes s'étaient rendus en excursion, il a été interviewé par un journaliste correspondant de PARIS - JOUR. Cette interview a paru sous le titre "Pour parler français, apprenez donc l'Espéranto, m'a dit un Hongrois"...

-o-o-o-o-

51-ème
CONGRES UNIVERSEL
D'ESPERANTO
BUDAPEST
30 juillet-6 août
1 9 6 6
=======

Nous indiquons ci - dessous les taux actuels valables jusqu' au 31 décembre 1965, des adhésions:

| | | |
|---|---|---|
| Congressiste............ | Frs | 77,00 |
| Conjoint................ | Frs | 38,50 |
| Jeunes (jusqu'à 21 ans).. | Frs | 30,00 |
| Etudiants (30 ans max.).. | Frs | 48,00 |
| Aveugles................ | Frs | 38,50 |

Les membres-abonnés de U.E.A. bénéficient d' une réduction de 7 Frs et leur conjoint de 3,50 F. Cette diminution ne s' applique que pour les deux premières catégories.

L'AVANT-CONGRES aura lieu à DEBRECZEN, le POST - CONGRES à SZEGED et le congrès de T.E.J.O. à PECS.

Mais notez aussi que U.F.E. organisera une caravane par autocar par l' Allemagne, la Tchécoslovaquie et retour par l'Autriche et la Suisse.

Nous prions nos membres désireux de participer à ce voyage, de bien vouloir se faire connaître le plus rapidement possible.

mmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmm

6ème Liste de Dons pour le
MAINTIEN DU SIEGE SOCIAL A PARIS

| | | |
|---|---|---|
| MM. | P.BOULOGNE....... .F. | 12,00 |
| | Anonimulo ....... .F. | 13,00 |
| | Roger BERNARD .... .F. | 50,00 |
| | Anonimulino ...... .F. | 1000,00 |
| | Jean SERRE....... .F. | 50,00 |
| | Anonimulo ....... .F. | 50,00 |
| | R. JOURDAN ...... .F. | 8,00 |
| | | F 1183,00 |
| Listes précédentes.... | .F | 4529,75 |
| | | F 5712,75 |

à suivre

## ESPERANTO KAJ TURISMO

La grava organizaĵo "Société Industrielle de Mulhouse" eldonas 24-paĝan duonmonatan inform - bultenon por la eksterlandaj turistoj.
Depost la 15-7-1965, la adreso de la loka Esperanto-servo Turisma estas menciata, kun telefonnumero.
Samcelaj bultenoj estas eldonitaj ankaŭ en aliaj urboj. Estas necese ke la delegitoj de UEA klopodu aperigi sian adreson en tiuj bultenoj, se eble kun la telefonnumero.
Okaze de sukceso, oni sendu almenaŭ unu ekzempleron de la bulteno al nia sidejo.

- o - oo - oo - o -

La grava internacia turista asocio "La Naturamikoj" festos en ĉi tiu jaro la jubileon de sia 70-jara ekzistado. Pro tiu evento estas eldonita 72-paĝa festbroŝuro en la lingvoj angla, franca, germana, nederlanda kaj esperanto (prezo 4 steloj)
Ĉiu esperantisto mendu la esperantlingvan eldonon de tiu festbroŝuro, ĉe la grupo de la Naturamikoj en sia urbo, aŭ ĉe la franca asocio 46, rue Leibnitz - PARIS (I8)

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

IO....RADIO....RADIO....RADIO....RAD
-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:--
Aŭskultu la Voĉon de la Ĉina Popolo, pere de la disaŭdigo esperanta de la PEKINA RADIO, de la 20h ĝis la 20h30 ĉiu vendrede (45,7-47,9 ondoj), kaj sabate (40,4-39,4 ondoj).
La Svisa Kurtonda Radiostacio kiu dum preskaŭ unu jaro ĉesis siajn elsendojn en Esperanto anoncas ke ĝi denove elsendas en la internacia lingvo ekde la 7-a de Novembro 1965 - kun helpo de la samaj parolistoj kiel antaŭe: lunde-merkrede je la 12hoo, ĵaŭde-sabate je la 21h15. La ondoj estas 48,31 kaj 31,46. Tagmeze krome 13,94 kaj vespere 25,61.

# VIVA DE LA GRUPOJ

## GRAVA ALVOKO AL LA FEDERACIAJ KASISTOJ:

Vi devas klopodi dum la unuaj monatoj de la jaro enkasigi la UEA-UFE kotizojn.
Ne atendu pasive la UFE-makleron sed kontraŭe, zorgu pri la enkasigo de la kotizoj, kaj sendu la netan parton al U.F.E.
Bona metodo estas, sendi unu aŭ du cirkulerojn al viaj federacianoj, por ke ili sendu rekte al vi la kotizon.
Memorigu ankaŭ al la kursgvidantoj, ke ili devas pagigi de la junaj gelernantoj minimume 2 Fr jare; tio ne estas alta sumo, sed tamen efikas por la statistikoj.
Ni zorgu kune por ke ni atingu, dum la jaro 1965-66, pli da membroj ol pasintjare.

R.L.W.

**BEZONS** - Ĉiunmerkredon okazas kurso je 20h30, en la urba biblioteko; kursgvidanto S-ro JOURDAN.

**CALAIS** - S-ro VENDROUX vic-prezidanto de la Eŭropa Parlamento, kaj deputito-urbestro de Calais prelegis tie la 30/9 pri la temo "Francujo kaj Eŭropo". Li diris ke la malsameco de lingvoj en la "Seslanda Eŭropo" estas unu el la obstakloj, kiuj malhelpas politikan unuiĝon de Eŭropo, kaj rimarkigis, ke la politikaj unuiĝoj de la diversaj ŝtatoj, de Germanujo kaj de Usono estis plifaciligitaj pro praktiko de komunaj lingvoj (germana, angla).
Dum la posta debato, iu ĉestanto, faris la demandon: "Ekzistas internacia lingvo, nome Esperanto, kies kvalitoj estas agnoskitaj de UNESKO en 1954, lingvo jam uzata de la Germanaj Federaciaj Fervojoj. Ĉu vi opinias, ke tiu esprimrimedo povus esti

oficiale uzata en Eŭropo?"

S-ro VENDROUX respondis,"ke li ne kontraŭstaras; Esperanto povus esti la lingva solvo ne nur por Eŭropo, sed ankaŭ por la tuta mondo. Tamen estus antaŭe necese, ke tiu lingvo "eniru en la moroj de la popoloj". En la nuna stato de la afero, ĝi ne estas sufiĉe disvastigata. Gejunuloj kiuj lernas lingvon, volas uzi ĝin plene tuj. Aliflanke, oni devas konservi la naciajn lingvojn, pro la kultura trezoro, kiun ili entenas. Esperanto estu do dua lingvo. Por ke ĝi estu sufiĉe disvastigata, unu generacio estus necesa, alivorte tri-deko da jaroj, kondiĉe ke ĝi estu instruata de nun en ĉiuj Eŭropaj lernejoj. Estas la afero de tiuj, kiuj haves en la manoj la estonton de Esperanto labori tiucele".

S-ro VENDROUX bonvole akceptis apogi la proponon al la Unuiĝintaj Nacioj.

E.BONVOISIN

CLERMONT - FERRAND - S-ino BERCOU, prezidantino de la esperantista grupo Oriento-Okcidento de Vichy faris prelegon por la junuloj de la Junulara Gastejo, pri Israelo.

V I C H Y - La 16-an de majo okazis en tiu urbo la kongreso de la Centra-Montara-Federacio. 250 personoj partoprenis el la departementoj ALLIER, CHER, NIEVRE, kaj PUY-de-DOME.

La raportoj de la sekvantaj estis prezentitaj: Montluçon, Moulins (iuj gelernantoj ĉeestas), Vichy (eldono de turisma faldfolio en 20000 ekzempleroj, jam elĉerpitaj), Bourges (2 kursoj en la instruistina seminario) Nérondes (10 membroj ĉeestas),Saint-Amand, Sancoins (2 kursoj en C.E.G.) Vierzon (akcepto de hungaraj samideanoj), Nevers (gejunuloj tre agemaj) Clermont-Ferrand (4 diversaj kursoj, lokaj parlamentanoj subskribis l a Peticion), Thiers (memfarita filmo "Ferioj 1964").

PARIZO - La 26-an de septembro, en la kadro de la prelegoj de "Foyer Individualiste d' Etudes Sociales" Michel DUC-GONINAZ prelegis pri Esperanto. Ĉeestis proksimume 50 personoj. La preleginto mallonge priskribis la strukturon de la lingvo kaj ĉefe akcentis la atingaĵojn de la Movado (kongresoj, literaturo, k.a.) kaj la socian signifon de la Lingvo Internacia.

Sekvis debato, dum kiu intervenis du adeptoj de "Interlingua"; tiuj ĉi kritikis Esperanton el teoria vidpunkto, sed iliaj argumentoj, rebatitaj de la preleganto kaj de la ĉeestantaj esperantistoj (aktivuloj de SAT-amikaro) ne sukcesis konvinki la publikon. Trudiĝis la konkludo ke - laŭ la vortoj de S-ro Gode mem, aŭtoro de Interlingua - ĉi lasta projekto ne povas konkurenci Esperanton

La kontraŭdirantaj Interlingua-anoj publike agnoskis, ke la preleginto pritraktis sian temon senpartie kaj objektive.

La 26-an de oktobro, en ĉambro de "Ecole Electronique" la pariza grupo organizis kunvenon dum kiu S-ro THIERRY faris prelegon okaze de la "TAGO DE U.N.".

La venontaj kunvenoj okazos la 23/11 je 18 h 30 en la fervojista-salono St-Lazare. Prof. DUC-GONINAZ parolos pri SOVETUNIO kaj prezentos filmon kaj diapozitivojn,

kaj la 14/12 je la 20h. en Ecole Electronique, 53 rue de Grenelle, la grupo memorigos la tagon de ZAMENHOF, kun la partopreno de R. BERNARD kaj Profesoro WARINGHIEN.

Krome ĉiulunde je la 20 h 30, la parizaj esperantistoj kaj ankaŭ la ekster-urbaj kaj -landaj samideanoj troviĝantaj en la ĉefurbo, renkontiĝas ĉe "MA BOURGOGNE", 19 place des Vosges, por libere paroli kaj diskutadi.

PARIS - 4 esperanto-kursoj okazas en
===== Parizo sub la aùspicioj de Association Philotechnique de Paris:
Unuagradaj: Lycée Charlemagne, ĉiu lundo de la 19h30 ĝis 21h (F-ino Hodebert); Lycée Condorcet: ĉiu vendredo de la 19h ĝis la 20h (S-ro Rousseau).

Duagrada: Lycée Charlemagne, ĉiu lundo de la 19h30 ĝis 21h (Sinjoro Texier).

Triagrada: Lycée Condorcet: ĉiu ĵaùdo de la 20h ĝis la 21h (S-ro Thierry).

PERPIGNAN - La gazeto "Petites An-
========= nonces Roussillonnaises aperigis tutpaĝon pri la alvoko por la peticio al U. N. O. Malmultekosta ekzemplo imitinda!

nnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnn

Ni eksciis (pere de letero de la 10/10), pri la forpaso de Sinjoro-Komandanto Charles FAHRNER (Toulon)
Lia familio akceptu nian sinceran kondolencon.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

RILA (Bulgario) - La esperanto-rondo
============== en la liceo aranĝos ekspozicieton en la liceo kaj en la urba kulturdomo; ĝi esperas ricevi diversan materialon por tiu celo. La adreso estas ĉe S-ro C. MURGIN, Esperanto-rondo de la Liceo - RILA (Kjustendil distrikto) Bulgario.

El LATVIO oni petas korespondantojn!
====================================

Janis LOJA, Suvorova I36/45 RIGA kaj Leonido ŜEBANOV, Gorkija 52/26, RIGA deziras interŝanĝi poŝtmarkojn,
Prof. J.LOJA Lenina 39/5a RIGA deziras korespondi kun ciganistoj kaj jogistoj;
Fizikistino Marta LOJA, Lenina 39/5a RIGA deziras korespondi kun samfakuloj.

# RECENZOJ

PETR BEZRUĈ - 25paĝa broŝureto eldo-
=========== nita de ĉeĥaj amikoj de tiu poeto. Prezo: unurespondkupono sendita al "Memordomo de Petr Bezruĉ, OPAVA (Ĉeĥoslovakio)

La ĉeĥa poeto Petr BEZRUĈ (1867-1959) verkis nur unu libron "Sileziaj Kantoj". Tamen tio sufiĉis famigi lin kaj lia libro estis tradukita en multajn lingvojn.

Jam aperis en niaj gazetoj kelkaj esperanten tradukitaj poemoj de Bezruĉ. Ĉi tiu broŝureto enhavas kvin el la plej famaj.

L E G R E E
===========

TIAJ NI ESTAS - Rakontoj de Sandor
============= J. BAKO - Eldonita de Alba-libroj - Los Angeles (USONO) 252 paĝoj - ilustrita. Prezo: I2,50 F

Originale tiu libro "Tiaj ni estas aperis esperante verkita. Sed antaù nelonge ĝi estis angle tradukita sub la titolo "Behold you and me"

Tre bona estas por nia movado tiu angla eldono, ĉar sur ĝia titolpaĝo estas legeble "translated from esperanto, the international language". Certe, tiu indiko bone efikos ĉe la usona publiko, kiu ofte ne scias la ekziston mem de internacia lingvo.

La 34 rakontoj de tiu libro estas interesaj, amplenaj sed ofte malgajaj kaj amaraj. Sendube tiu amareco devenas de la malfeliĉa vivo de la aùtoro, kiu en 1956 post la sensukcesa lukto por libereco de Hungario devis forlasi sian patrujon, kaj enmigri unue en Aùstrion, poste en Usonon, kaj kiu eĉ tie ne spertas senzorgan vivon.

L E G R E E
===========

"KAUKAZAJ RAKONTOJ" de M.J.LERMONTOV
================== tradukitaj de Staritzky - eldonita de U.E.A. - 70 paĝoj. Prezo: 7 Fr.

Mikaïl Lermontov estas en la rusa literaturo tiel fama kiel Puŝkin. Multnombraj estas la esperantaj tradukoj de liaj prozaĵoj, kaj ĉefe de liaj versaĵoj. Sed plejparte ili ĝis nun aperis nur en esperantaj gazetoj

Okaze de la 150-a datreveno de la naskiĝo de M. LERMONTOV (1814-1841), U.E.A. eldonis ĉi tiun libron lukse prezentita en moderna plasta kovrilo

La du rakontoj de tiu ĉi libro aperis en la romano "Heroo de mia epoko". Ili kondukas nin kune kun cara oficiro en la kaùkaza kamparo, kie oni kontaktas la ĉiutagan vivon de la rusa popolo.

La flueco de la stilo, la pitoreskeco de la etoso kaptas ĝisfine la atenton de la leganto.

Bedaùrinde estas ke tiel bona kaj tiel bele prezentita libro enhavas nur sepdek paĝojn!

L E G R E E

ENCIKLOPEDIETO JAPANA - de T. Naka-
==================== mura(T.Mikami) 217 p. kun 80 fotoj. Formato 21,5 x 15 sub kartona skatoleto. Prezo 28 F (afrankite). Eldonis KOSMO, Osaka en Japanujo.

La artikoloj jam aperintaj dise en OOMOTO estas tie ĉi kolektitaj sub libroformo. Ties legado komencas per tre utila antaùparolado, kiu klarigas la celon de tiu enciklopedieto. Ĝi bone alvenis, kelkajn monatojn antaù la 50-a Universala Kongreso en Tokio. La partoprenintoj havis tiel la okazon, ekkoni detalojn de la japana vivo, pri kiuj ili eble antaùe ne aùdis, kaj kiuj ili eble spertis!

Tiu libro estas ankaù utila al tiuj, kiuj ne vizitis la Universalan Kongreson; ĝi ebligos al ili kompreni la detalojn de la raportoj, kiuj aperas en la gazetoj, kaj ankaù scii pri kio parolas tiujn, kiuj ĝin ĉeestis.

La 400 klarigitaj vortoj enhavas 150 zoologiajn kaj botanikajn nomojn Krome estas mapo de la lando.

Fine la kovrilo montras blazonojn de japanaj familioj, kies desegnoj estás iom malsimilaj de tiuj de la kutimaj eùropaj blazonoj.

JARo
====

JEN ESTAS HELPO POR VI - verkita de
==================== Kristano Venkanta (Christian Victor) - 60paĝa libreto. Eldoninto: Esperanto-Press, Cardiff (Ontario) Kanado. La prezo estas 2 internaciaj respondkuponoj.

Christian VICTOR, ŝipkapitano dum la dua mondmilito kaj nun usona pastro, asertas ke sufiĉas al vi, legi ĉi tiun libreton kaj sekvi ĝiajn konsilojn por akiri tion, kion vi plej deziras: sekurecon, pacan animon, allogan personecon kaj veran feliĉon!

Krome al tiuj, kiuj ne kredas je DIO, li alportas ankaù ses pruvojn de la ekzisto de Dio!

Plena feliĉo je la prezo de du respondkuponoj...Ne tro multekosta, ĉu ne?

L E G R E E

oooooooooooooooooooooooooooooooooooooooo

La VOIX DU NORD, à propos de l'émission télévisée "Jeux sans frontières (rencontre St-Amand-Stavelot): Q. Au fond, vous avez retrouvé "Intervilles" ici à Saint-Amand?" Guy Lux:Oui car nous parlions tous les deux la même langue. C'Est à mon avis l'obstacle d'Internations; la diversité des langues. C'est pour cela que je reste un très farouche défenseur de l'Espéranto". (Inf. Giloteaux)

Notons en passant qu'Albert RAISNER, producteur de"Age tendre et têtes de bois" a déclaré dans "Télé-magazine" avoir entre autres langues, appris aussi l'Espéranto.

Du populaire chanteur Enrico MACIAS, au micro d'EUROPE I (Enfants de tous les Pays) "je suis un partisan de la Langue Internationale Esperanto".

La chanteuse israélienne Rika ZARAI a déclaré avoir appris l'espéranto dans son pays (Radio-Luxembourg 6.IO 1965).

La revue l'UNESCO ET SES AMIS (organe officiel de la F. F. des clubs UNESCO) a publié un long article du prof.DUC-GONINAZ dans son n°7.

De "LA TRIBUNE DE L'ENFANCE" d'Alex. DANAN, un très intéressant article du prof. LAVARENNE "L'Espéranto au service de l'Enfance".

La MESSE en ESPERANTO à RIMINI: Le Monde (22/9), Témoignage Chrétien du 23/9 et 14 quotidiens régionaux(Centre-Matin-Montluçon-Dépêche du Midi-Est Républicain- Eveil de la Haute-Loire-Havre libéré-Liberté de l'Est-Le Lorrain-La Montagne(Clermont-Fd), Nice-Matin - Nouvelle République des Pyrénées - Presse de la Manche-Républicain lorrain - L'Union (Reims),Le Publicateur libre de Domfront, ont publié l'information AFP sur la première messe en espéranto depuis la réforme liturgique.

AMIS PHILATELISTES LE SAVIEZ-VOUS?..
Notre dévoué trésorier national J.A. ROUSSEAU assure chaque mois la rubrique "espéranto" du "Monde des Philatélistes", la plus importante revue philatélique française.

"La Semaine Radiophonique" du 9.IO.6 a publié dans la rubrique "L'Espéranto sur les Ondes" la liste des stations émettant en langue internationale. Remercions-en notre a m i LARGLANTIER, responsable UEA de cette rubrique.

-o-o-o-o-o-

La liste des responsables fédéraux et locaux à l'Information s'allonge. Une dizaine d'entre eux ont déjà reçu gratuitement la brochure de 14 pages "1965-Année de la Coopération Internationale- La Langue Internationale, koïné du Monde Moderne publiée par le Service de Presse de U.F.E. d'après une documentation du C.E.D. de Londres (traduction de L. BELHOSTE, adaptation de A.BOURDEAUX) 15 exemplaires de cette étude sont encore disponibles;ils seront adressés gratuitement bien entendu aux responsables de l'information désireux de coopérer efficacement avec le Service de Presse de l'Association. Une prochaine réimpression est prévue.

A.B.

---

Bildkartojn interŝanĝus el la tuta mondo: S-ro Szalay Sandor, Budapest VIII, Aurora utca 39 (Hungarujo).

AGRABLA DONACO
TIO, KION MI KREDAS (J. ROSTAND)
Prezo 3 Frankoj.

| | |
|---|---|
| J | JUNULARA |
| E | ESPERANTO |
| F | FRANCA |
| O | ORGANIZO |

## ESTRARO ELEKTITA EN LE HAVRE (pentekosto 1965)

Prezidantino: Annie TRIOLLE; Sekretarioj: Louis COURTOIS, Jacqueline CHEFD'HOMME; Vicprezidantoj:(internacia) J.P.VILHEIM (ekstera) D. ROUX, (interna) Renée TRIOLLE; Jacqueline CHEFD'HOMME; kasisto: René BASTONG; Reprezentanto de UFE estas S-ro Jean GUILLAUME.

Regionaj respondulOj: Rhône - Alpes F-ino BOITON (Valence); Est: Roland KUBLER (Roderen); Massif Central: Annie BARGEOT (Nevers); Franche-Comté: Ginette DREZET.

Fakaj respondulOj: Lerneja: Annie BARGEOT; Petskribo: J. CHEFD'HOMME; Studenta: F. SIMONNET (Vincennes) Helpanto por la porinstruistaj seminarioj: F. BOURDIER (Cosne); Fervojistoj: H. BERNIER (Paris); renkontiĝoj: Daniel PERARD (Troyes); redaktoro de la Junulara paĝo: M. GAILLOT (Beurlay); Gastigado de eksterlandanoj: A. MASSARD (Paris); juraj aferoj: L. CARADONNA (Sarcelles).

## THANN LA I8/I9an DE SEPTEMBRO I965

En Thann okazis la 18-19an de septembro regiona renkontiĝo, kiu plene sukcesis. Ĝi estis majstre organizita de nia afabla amiko Roland KUBLER, helpita de lia rondeto de novaj junaj kaj afablaj esperantistoj.

Okaze de ekspozicio de libroj (esperantistaj) en la urbdomo, la urbestro faris interesan prelegon, kaj KUBLER respondis per raporto pri esperanto.

Ni havis la ĝojon travidi la urbon, ties interesan muzeon, kaj ankaŭ surgrimpi monteton sur kiu staras ruinaĵoj de malnova kastelo malkonstruigita de TURENNE dum 1674. La pli dika el tiuj disrompaĵoj faras tuboforman ruinon, kiu de malproksime similas al monstra okulo rigardanta la valon de la Thur. Oni nomas tion "la sorĉistina okulo".

## HELPU LA JUNULARON!

Tiun ĉi devizon ni reprenis, kaj per ĝi ni alvokas la tutan esperantistaron en nia lando vigle helpi la novan Junularan sekcion. Ni atestos ricevon de ĉiu donaco super 50 F. Principe ni intencas rezervi la tiel kolektatan monon por ekstera agado al neesperantistaj junularaj organizoj.

UNUA LISTO (donacoj ricevitaj dum la 57-a Nacia Kongreso U.F.E

| | |
|---|---|
| S-ro CURNELLE............ | F. 50,oo |
| U. F. E. ................ | F. 100,oo |
| Diversaj donacintoj ..... | F. 255,12 |
| | F. 405,12 |

## LA KASTELO GRESILLON

Lastatempe mi pasigis dek agrablajn tagojn ĉe la Kastelo Gresillon fame konata kulturdomo en Francujo. Esperantistoj el diversaj landoj ĉeestis prelegojn, vidis filmojn kaj lumbildojn, kaj parolis inter si la Internacian Lingvon. Ni partoprenis diversajn ekskursojn, piknikis kaj diskutis aferojn kaj seriozajn, kaj bagatelajn. Sed la Kulturdomo Grésillon estas ne nur kunvenejo, kien vojaĝas vizitantoj el multaj landoj ...ĝi estas unika eksperimento -eble la plej sukcesa eksperimento tia en Esperantujo.

De post la jaro 1952, pli ol 6000 esperantistoj el tridek landoj vizi-

tis la Kastelon; la plimulto estis Eùropanoj, sed ĉeestis ankaù azianoj nov-zelandanoj, usonanoj, brazilanoj afrikanoj, ktp... Ĉiu esperantisto kunportas hejmen bonegan memoron pri la komuna kunvivado, kaj neforgeseblajn impresojn pri la eblecoj de nia lingvo. Ne estas hazardo, ke tia Kulturdomo sin trovas en la provinco "Anjou":la historio de Francujo kronikas, ke la princoj de "Anjou" regis multajn landojn en Eùropo, kaj ke "Anjou" tre fruepoke altiris eminentulojn el eksterlando. Do, la Kastelo Grésillon iel heredis la tradician rolon de l'provinco Anjou: la gastigejo de multlandaj homoj.

Oni povas nur mallonge priskribi la aktivecojn ĉe Grésillon, kiuj inkluzivis prelegojn de Prof. Setälä, el Finnlando kaj Prof. Bormann, el Germanujo. Oni multe lernis,multe vidis ankaù kaj trafis geamikojn.

Oni neniel sentu devigon ĉeesti la kursojn kaj prelegojn; oni povas sunbaniĝi, naĝi, fiŝkapti aù promeni ĉien, admirante la belan pejzaĝon. Tiuj, kiuj havas bonan apetiton ĝuas la manĝon ĉe Grésillon... jen bona franca manĝo bonege kuirita kaj rapide formanĝebla! Kontraù malgranda elspezo, oni havas la ŝancon praktiki Esperanton ĉe vera internacia esperanto-domo, kien iras homoj de bona volo el landoj proksimaj kaj malproksimaj.

R.J.MILLIGAN(Anglujo)

xooxooxooxooxooxooxooxooxooxooxooxoo

## 58-ème CONGRES NATIONAL D'ESPERANTO-

Dans sa réunion du 5 septembre dernier, le Conseil de U.F.E. a accepté l'invitation de André RIBOT, d' organiser le 58-ème Congrès à AGEN.

Il aura lieu comme de coutume à la Pentecôte 1966, du 28 au 30 mai

Le bulletin d'adhésion ainsi que les renseignements nécessaires paraîtront dans le prochain numéro.

## ABONNEMENTS AUX REVUES

Nos membres trouveront ci-dessous une liste (non restrictive) des différentes revues auxquelles nous pouvons transmettre leurs abonnements:

| | | |
|---|---|---|
| BULGARIO ................ | Fr | 15,00 |
| C.E.D.-Dokumentoj ....... | Fr | 7,70 |
| EL POPOLA ĈINIO: 1 an ... | Fr | 3,00 |
| 2 ans .. | Fr | 4,50 |
| 3 ans .. | Fr | 6,00 |
| ESPERANTO INTERNACIA .... | Fr | 21,00 |
| HEROLDO DE ESPERANTO .... | Fr | 18,50 |
| HOMO kaj KOSMO .......... | Fr | 7,00 |
| HUNGARA VIVO ............ | Fr | 8,00 |
| KONTAKTO ................ | Fr | 11,20 |
| KULTURAJ KAJEROJ ........ | Fr | 5,00 |
| LA PRAKTIKO ............. | Fr | 14,00 |
| MONDA KULTURO ........... | Fr | 21,00 |
| NORDA PRISMO ............ | Fr | 14,00 |
| NOVA CIVITO ............. | Fr | 10,25 |
| OOMOTO .................. | Fr | 6,50 |

xxx xxx xxx xxx xxx xxx xxx xxx xxxx

## ĈE LA TOMBO DE LA MAJSTRO

Al la tombo de la Majstro nin tiris
Amase kortuŝite "Nova Sento"
Alkuris de popoloj ĉiuj gento,
ĉar pilgrimon koro ĉies sopiris:
En tombejon, do, ni ĉiuj eniris
Dolore, jes; sed tamen kun kontento
Staradi antaù tombo-monumento
De la Majstro.Pro sentemo ni miris!
Ce la tombo, sub la suno plenbrila,
Paroloj aùdiĝas, kvazaù doloro;
Tamen ĵuras - ĉar la forto subtila
de l'Majstra Spirito estas ja floro
ĉe la brust' de fidelulo humila -
neniam laciĝi horon post horo,
al certa triumfo per la laboro
sindonema, por fratigo utila,
ĝis kiam fariĝu nia gloro,
kvankam eĉ ni juĝu ĝin ne facila,
havigi al Mondo Pacon, kaj koro
ĉiam plu batadu tute trankvila!

Julio Mangada ROSENOR

# S E R V I C E   D E   L I B R A I R I E

## ETUDE ET ENSEIGNEMENT

| | |
|---|---|
| Esperanto-Manuel............... | 8,00 |
| Esperanto, fil d'Ariane....... | I4,00 |
| Fundamento (p.de Albault)..... | 13,50 |
| Esperanto vivant (Delaire)..... | 18,00 |
| Lingvo kaj Vivo (bind.) ...... | 20,00 |
| Lingvaj Respondoj ............ | 7,50 |
| Ludoviko en Nederlando | 16,00 |
| Ni parolu en Esperanto ....... | 4,80 |
| Plena Gramatiko vol.I ........ | 12,00 |
| vol.2 ........ | 15,00 |

## DICTIONNAIRES

| | |
|---|---|
| Léger-Albault (F+E) .......... | 20,50 |
| Waringhien (E+F) ............. | 33,00 |
| Lexique Léger (E+F) .......... | 5,40 |
| Naŭlingva Leksikono (Bastien) | 10,00 |
| Plena Vortaro ................ | 20,00 |
| Vocabulaire de Poche (Bastien) | 3,30 |

## HISTOIRE DU MOUVEMENT

| | |
|---|---|
| Le Docteur Espéranto ......... | 6,50 |
| La Esperanto-Movado .......... | 3,00 |
| Leteroj de Zamenhof (2 vol.).. | 28,00 |
| Originala Verkaro ............ | 20,00 |
| Historio de la Lingvo Esp° ... | 9,50 |
| Vivo de Zamenhof ............. | 4,50 |
| D-ro Zamenhof (Boulton) ...... | 19,00 |

## LITTERATURE

| | |
|---|---|
| Angla Antologio .............. | 14,00 |
| Akbar (Brouwer) .............. | 5,50 |
| Aventuroj de Marteno Drake ... | 4,50 |
| Bildlibro pri Bestoj ......... | 12,00 |
| Eroj (Boulton) ............... | 12,50 |
| Esperanta Antologio | 21,50 |
| Fabeloj de Andersen .......... | 15,00 |
| Fabiola ...................... | 12,00 |
| Ĝoja Podio ................... | 6,00 |
| Héros existentialistes ....... | 3,00 |
| Infanoj en Torento (2 vol.)... | 5,60 |
| Invito al ĉielo .............. | 4,50 |
| Kiel akvo de l'rivero ........ | 19,00 |
| La Floroj de l'Malbono ....... | 13,50 |
| La Naŭzo (Sartre/Bernard)..... | 20,00 |
| Normandaj Rakontoj ........... | 17,00 |
| Malsata ŝtono ................ | 16,00 |
| La Dia Komedio ............... | 60,00 |
| Peer Gynt .................... | 11,20 |
| Reĝo Edipo, Antigono.......... | 10,00 |
| La Revizoro (Gogol) .......... | 4,50 |
| La Marvirinteo ............... | 10,50 |
| Sonĝe sub pomarbo (Baghy)..... | 10,00 |
| Koloroj (Baghy) .............. | 4,50 |
| Taglibro de Anne Frank ....... | 11,50 |
| Topaze - ŝipego Tenacity...... | 10,00 |
| Sen Eliro (Sartre/Bernard).... | 8,00 |
| Tartarin de Taraskono ........ | 7,00 |
| Virineto en Bluo ............. | 3,30 |
| Vitralo (J.Francis)........... | 6,00 |

## RELIGION & PHILOSOPHIE

| | |
|---|---|
| Maksimoj de La Rochefoucauld.. | 2,00 |
| Nova Testamento (bindita)..... | 3,00 |
| Sankta Biblio (bindita)....... | 12,00 |
| Tio, kion mi kredas (Rostand). | 3,00 |
| Vivo de Nia Sinjoro Jesuo..... | 5,00 |

## GEOGRAPHIE - VOYAGES

| | |
|---|---|
| Aŭstralio lando k.popolo...... | 3,50 |
| Bela subtera mondo............ | 10,00 |
| Ekspedicio Kon-Tiki........... | 18,50 |
| Kanako el Kananam............. | 11,00 |
| Nepalo malfermas la pordon.... | 15,00 |
| Ŝipestro rakontas............. | 8,50 |
| Tempesto super Akonkagvo...... | 11,00 |
| Tra Parizo.................... | 12,00 |

## ARTS SCIENCES TECHNIQUES

| | |
|---|---|
| Atakoj kontraŭ ĝardenplantoj.. | 15,50 |
| Amuzo per scienco............. | 6,00 |
| Retoriko (Lapenna)............ | 16,50 |
| Sekretoj de la Marestaĵoj..... | 7,50 |
| Vivo de la plantoj............ | 11,50 |

## DISQUES

| | |
|---|---|
| Diversaj melodioj............. | 10,00 |
| Disque de prononciation....... | 4,00 |
| Cours complet (6 disques plus (7 livrets...... | 84,00 |

Frais d'expédition et de poste: 20% jusqu'à I0 F. - 15% jusqu'à 20F. et 10% au-dessus. Les ordres sont à adresser avec les fonds à UFE : 34, rue de Chabrol - Paris (I0ème)
C.C.P.PARIS 855.35

S.I.T.E.C. Imprimeur 188 Fbg St-Denis PARIS IO   Le Gérant: J.GUILLAUME